13-a jaro. — N-ro 8 (150) Aŭgusto 1927.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

JARA ABONPREZO : Fr. 12,50

EKSTERLANDE : Belgoj 4.—

ANTVERPENO

1927

13a JARO N-ro 8 (150) Aŭgusto 1927.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto : | Abonoj kaj Monsendoj |
|---|---|
| FRANS SCHOOFS | FERN MATHIEUX |
| 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen | 94, Avenue Bel-Air, Uccle |
| Telefono 543 74 | Poŝtĉeko No 39984. |

**Konstantaj kunlaborantoj** : M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

### NIA MONDFESTO

## LA DEKNAŬA KONGRESO UNIVERSALA EN DANZIG

Post la fermo de la Internacia Universitato en la Monda Palaco alvenis la tempo por pretigi la valizojn por veturi al la Universala Kongreso en Danzig. La belga delegitaro konsistis el Sroj F. Schoofs kaj P. Kempeneers.

La 24an iom post noktomezo foriris el la norda stacidomo de Bruselo ilia vagonaro, kie ĝi alvenis el Ostendo jam preskaŭ tute plena je vojaĝantoj.

Por kapti lokon, unu el la du samideanoj saltis en la vagonaron dum la alia restis sur la perono.

Baldaŭ la unua montris kontentan vizaĝon el iu fenestro kaj tuj komencis akcepti la pakaĵojn, kalkulante «unu..., du... tri... kiam subite en la kupeo iu kvazaŭ sonĝante daŭrigis: «kvar.., kvin..., ses.»

Tiel niaj du amikoj renkontis la unuan Esperantiston: Angla samideano vojaĝanta al Germanujo.

Mardon matene je la 8a la vagonaro alvenis en Kolonjo, kie du tri lokaj samideanoj atendis, kaj afable ĉion prizorgis por la daŭrigo de la veturado al Berlin. Tiun parton de la vojo partoprenis ankaŭ kelkaj anglaj kaj germanaj kongresanoj.

Vespere oni alvenis en Berlin, kie... tute kompreneble, nia «delegitaro» forlasis la vagonaron en stacidomo, kie la aranĝantoj de la Berlina antaŭkongreso ilin ne atendis. Kurado al alia stacidomo: neniu; telefonado al la loka gvidanto Sro Blankenheim: ne hejme.

Konsulto de la programo: je la 8a okazos oficiala akcepto en la urbodomo, tio estos la gvid-stelo.

Post elekto de pli-malpli bona hotelo, kie fine la pezaj paketoj povos ripozi dum unu nokto, komenciĝis la serĉado al la vespera kunvenejo.

La vojo tiel kondukis de la kvar flankoj de la Stadthaus al la kvar flankoj de la Rathaus, ... kie ankaŭ nenio okazas. Lasta espero: la kunvenejo de la Berlina ĉefstabo, t.e. la Kafejo Yosty. Tie iu afabla kelnero sciis, ke la kunveno okazas en la Real Gymnasium de la Dorotheenstrasse.

«Tramo post aŭtobuso, aŭtobuso post tramo, post ofta irado kaj reirado, oni atingis la celon en gloro», tio estas la finparolado de kunveno, kiun ĉeestis pli ol 200 gesamideanoj el 26 diversaj nacioj. Al ili niaj du belgaj amikoj tuj aliĝis metante sin sub la ordonoj de la karavanestro Sro Blankenheim, kiu prizorgis iliajn necesajn paperojn por la plua vojaĝado.

Merkredo la 27an de Julio per vagonaroj foriris el Berlino 3 karavanoj: du al Swinemünde kaj unu rekte al Danzig. La suno, tiu bona samideano, tiel multe karesis la kongresontojn, ke ĝi preskaŭ sufokigis ilin. Ĉiu estis do ege kontenta, ke je la 7a vespere la vagonaro haltis antaŭ la belega ŝipo «Hansastadt Danzig», kiu baldaŭ estis superplena je Esperanton parolanta amaso diversnacia. Inter ili estis kelkaj feliĉuloj, kiuj rezervigis al si kajuton. Tre trankvile ili observis la pli malpli nervajn movojn de la aliaj, kiuj klopodis por ankoraŭ lui ĉu hamakon, ĉu kuŝseĝon, por pasigi la nokton.

Dume oni aŭdis je ĉiu flanko ĝojekkriojn pro re-renkontiĝo inter malnovaj geamikoj kaj la kutimajn kongresajn reciprokajn prezentadojn kaj babiladojn. Tamen iom post iom la suno malaperis kaj,unu post alia, ĉiu serĉis lokon por pendigi sian hamakon aŭ por starigi sian seĝon. Kelkaj malŝanculoj, kiuj ne akiris tian ripozilon, stoike etendis sin sur la planko, kaj... ne malpli bone dormis!

Jaŭdon matene la ŝipo alkondukis ĉiujn en Zoppot, luksa banloko sur la Balta Maro kie oficis la plej severaj pasport- kaj vizokontrolantoj kaj la plej sfinksaj doganoficistoj.

Kiu ne deziris denove porti la pakaĵojn, kaptis la helpon de la sin prezentantaj transportistoj, kiuj metis 30 — 40 paketojn sur puŝveturiletojn kaj kiuj, post maksimume 10 minutoj alvenis ĉe la stacidomo de Zoppot kaj postulis de la klientoj la tute modestan sumeton de po 1 Danziga Guldeno (7 Belg. Fr.) por la transporto de ĉiu pakaĵo. Okazis tiam antaŭ la stacidomo longega diskutado kaj marĉandado. Kelkaj samideanoj rezigne pagis la demanditan salajron, aliaj akiris, rabaton de 40, aliaj malpliigon de 50 %.

Kaj ree daŭris la vojaĝado per vagonaro, kiu alvenis je tagmezo en la nunjara «Mekka» de Esperantujo.

---

Sur la placo antaŭ la stacidomo salutis bonvenon granda kaj bela arko. Sur multaj hoteloj flirtis la verdstelan standardon.

Post iom da serĉado oni trovis la vojon al la Schützenhaus, kie estas la oficejoj de la Kongresa stabo kun siaj diversaj fakoj: disdono de la

Kongresdokumentoj kaj insignoj, loĝado, monŝanĝo, poŝto, libro- kaj poŝtkartvendado, postkongresaj vojaĝoj, k. t. p.

La unuan tagon la loĝa fako havis la plej grandan nombron de klientoj. Tie ankaŭ, kiel kutime, eksplodis la unuaj plendoj de la kongresanoj: la ĉambro estas tro granda, tro malgranda, tro alte- aŭ tro malalte lokita, la lito estas tro dolĉa aŭ tro maldolĉa.....

La laste enskribitaj aliĝintoj estas ne kontentaj, ĉar eĉ ne avertinte la L. K. K. ĉi tiu ne havas por ili bonan kaj komfortan ĉambron.

Feliĉe estis tuta vico de luantinoj de privataj loĝejoj, kiuj disputis unu de la alia la honoron gastigi Esperantistojn.

---

Vespere okazis en la ĝardenoj de la Kongresejo multvizitata interkonatiĝa vespero kun koncerta kaj gimnastika programo tre interesa. Dum ĝi la Internacia Centra Komitata tenis sian tradician kunvenon, kies ĉefa celo estas la definitiva aranĝo de ĉiuj detaloj de la kongreso mem.

---

Vendredon, la 29-7-27.

Agrabla surprizo atendis la kongresanojn en la akceptejo: senpage kuŝis tie, je ilia dispono, tuta paketo da gazetoj «Danziger Neueste Nachtrichten», kiu dum la tuta tempo ne nur enhavis raportojn pri la okazintajoj de la pasinta tago sed ankaŭ kromfolion tute en Esperanto redaktitan kun la raportoj kaj kelkaj plej gravaj novaĵoj el la mond-vivo.

La aliaj ĵurnaloj de Danzig same regule raportis pri la diversaj punktoj de la kongreso.

Frumatene jam Dro Heinrich Sahn, Prezidanto de l'Senato de la Libera Urbo Danzig, alta protektanto de la Kongreso, akceptis malgrandan delegitaron de la Kongreso, konsistantan el Sroj Privat, Kreuz, Aelterman, Isbrueker, Schoofs, Nylen, C. Lindhagen, Dro Asada, al kiuj li deziris bonvenon en la Libera Urbo kaj sukcesajn laborojn. Li plej afable demandis pri kelkaj organizaj detaloj.

La Belgaj delegitoj vizitis Sron Maurice Valcke, Konsulo de Belgujo en Danzig, kiu tuj sin metis plej afable je ilia dispono por ĉiuj aferoj, kiujn ili bezonus dum ilia tiea restado. Li ankaŭ montris grandan intereson pro la Kongreso mem, de kiu li cetere akceptis la honoran membrecon.

Hodiaŭ preskaŭ ĉiuj kongresanoj alvenis. Notinde estis la portopreno de multaj membroj de la familio Zamenhof; F-inoj Sofia kaj Lydia, Sroj Adam kun edzino, Leono kaj Felix Zamenhof.

---

## MALFERMO DE LA SOMERA UNIVERSITATO.

En la teknika altlernejo okazis je la 10a matene la malfermo de la Somera Universitato. La salono estis plenplena. Sro Aelterman salutis la kunvenintaron. Sro Prof. Kloeppel, rektoro, deziris bonvenon kaj fruktodonan laboron je la nomo de la Teknika Altlernejo. Sro R. Kreuz tradukis la paroladon kaj Sro Prof. Schmidt el Potsdam dankis. Li klarigis, ke Dro Zamenhof kreis la komunikilon inter la popoloj; ĉu tiu ilo iĝos efektive lingvo, al tiu demando devos respondi la praktiko. Nun, post 40 jaroj, Esperanto pruvis, ke ĝi povas plenumi ĉiujn kaj ĉiajn postulojn, ne nur en la ĉiutaga vivo sed ankaŭ en pli superaj kampoj la helplingvo estas plej efike uzebla kaj jam uzata.

Tuj poste, Sro poŝtkonsilanto Behrendt, el Berlino, faris la unuan prelegon pri la «Granddistancaj telefonkabloj, ilia teknika fundamento kaj internacia ekonomia valoro».

Poste Dro Vogt, bankisto, el Stuttgart, parolis pri la «Unuecigo de la mono».

Posttagmeze okazis fakaj kunsidoj de la kristanoj, la hebreoj, la fervojistoj, la scienculoj, la bontemplanoj, la kvakeroj, la laboristoj kaj la studentoj.

LA VIa INTERNACIA BLINDULKONGRESO estis malfermita je la 3a en la kunsida salono de la Urba Konsilantaro en la Urbdomo. Sesdeko da blindaj Esperantistoj el 20 landoj ĝin partoprenis. Dum la Kongressemajno okazis ankoraŭ kelkaj kunvenoj dum kiuj okazis diskutoj pri plej interesaj temoj, nome; Plibonigo de la ekonomia situacio de la blinduloj, Instruado al la blinduloj, Uzo de radiofonio, Laborado de blinduloj en la fabrikoj. La kunsidojn gvidis Sro J. Kreitz el Kreuzaŭ.

---

De la 2a ĝis la 4 1/2a K. R. havis sub prezido de Sro Schoofs sian apartan kunvenon en kiu partoprenis la delegitoj de 19 naciaj societoj. La raporto de la Sekretario-kasisto montris konstantan propagandon de la organizacio kaj esperigas ke post nelonge ĉiuj ĝis nun ne aliĝintaj asocioj plifortigos la komunan centron. La kunveno sin okupis ankaŭ pri la reguligo de la ĉiam nesolvita demando pri la deficito de la XVIa Universala Kongreso en Vieno. Ĝi fine trovis solvon, kiu estas efektivigebla laŭ la mezuro de la rimedoj, pri kiuj disponas la oficialaj institucioj de nia movado. Ĝi tamen aranĝis la aferojn tiamaniere, ke la helpo ne povos esti interpretata, kiel kuraĝigo al neorda kaj malbonfinanca administrado de la estontaj kongresoj.

Poste, la kunveno pritraktis siajn internajn aferojn kaj aranĝis kelkajn detalojn de la Kongreso mem.

De la 5a ĝis la 6a la muzikamantoj ĝuis belan koncerton kun programo Esperanta kaj germana en la preĝejo Sta Maria.

---

## MALFERMA KUNSIDO DE LA KONGRESO.

La granda salono de la Schützenhaus estis tute plena vendredon vespere, kiam S-ino Isbrücker malfermis la kunsidon.

Laŭ ŝia propono la kunsido elektis jenan estraron: Prezidanto Sro Aelterman, vic-prezidantoj: Sroj A. Zamenhof, S-ino Tuschinsky, Sroj Bujwid, Gueritte, Kliemke, Oishi, Schoofs, kaj Warden. Sekretario konstanta: R. Kreuz; ĝenerala: A. Che; protokolistoj: Majorkiewicz, Marquardt, Sachsze.

Sro Aeltermann bonvenigis la kongresanojn kaj speciale dankis la lokajn aŭtoritatulojn pro ilia ĉeesto kaj pro ilia helpo al la organiza komitato. Li ankaŭ esprimis la dankon al ĉiuj lokaj samideanoj, kiuj subtenis lin dum la prepara periodo.

Sro Privat, prezidanto de la Int. Centra Komitato, paroladis pri la spirito kaj la stato de la movado kaj dediĉis kelkajn konsilojn al la tutmonda samideanaro. Li incitis ĉiujn al ĉiam pliforta laborado por la efektivigo de la granda komuna ideo. Li ankaŭ parolas pri la frateco, ekzistanta de la komenco inter la Verda Stelo kaj la Ruĝa Kruco, kiuj ĉiam iris mano ĉe mano. Li salutas la memoron de Sro R. Horner, ĝenerala sekretario de la Ruĝa Kruco, kiu mortis antaŭ kelkaj tagoj.

Sro Senatano Dro Strunk, salutas je la nomo de la Prezidanto de la Senato.

Sro Grafo Randwijk prezentis la korajn salutojn de la Alta Komisaro de la Ligo de Nacioj.

Sro von Zaewski parolis je la nomo de la pola registaro.

Poste parolis aliaj oficialaj reprezentantoj : Sro Konsulo Gelhorn (Aŭstra registaro), Dro Dietterle (germana registaro), Majoro Mangada-Rosenörn (hispana registaro), Sro Isbrücker (nederlanda registaro), Sro Schjerve (norvega registaro), Sro Tarelli (Int. Laboroficejo), Sro Lindhagen (urbestro de Stockholm). Tiam oni aŭdis interesajn parolojn de Sro Leono Zamenhof, frato de kreinto de Esperanto.

Sekvis la vico de la delegitoj de la multnombraj naciaj Esperanto-societoj. Por Belga Ligo Esperantista parolis Sro Dro P. Kempeneers, vic prezidanto de B. L. E.

Oni ankaŭ aŭdis deklamadon de S-ino Herrnstadt-Oettingen. Post kelkaj dankvortoj de Sro Privat la kunveno finiĝis je la 11a en plej granda entuziasmo.

Dum tiu kunveno la belga delegitaro kreskis je unu unuo: Sro H. Dekeukelaere, unu el la plej fidelaj kongresvizitantoj, ĵus alvenis en Danzig por ĉeesti la malfermon.

---

Sabaton, la 30an de Julio.

La programo enhavis daŭrigon de la Somera Universitato. Prelegis, krom la hieraŭaj profesoroj Behrendt kaj Vogt, Sro Dro Schmidt, el Potsdam, pri la unuecigo kaj normigo de la termagneta scienco.

La lingva komitato havis kunsidon sub prezido de nia malnova bonega amiko J. M. Warden el Edinburgo, vic-prezidanto de la Akademio. Parolis: pri verbaj afiksoj Sro Dro L. Dreher (Krakovo) kaj Sro Dro Lippmann (Leipzig).

Hebrea diservo okazis je la 10 1/2 ĝis la 11a matene.

---

## UNUA LABORKUNSIDO EN AŬLO DE LA TEKNIKA ALTLERNEJO.

Ĝin prezidis Dro Privat. Sro Balkanyi el Budapest salutis en la nomo del' princo Dro Josefo Francisko, prez. de la Societo Budapest - Banubo, kiu invitas la kongreson por 1929 al Budapest kie samtempe okazos Intern. Ekspozicio por Fremdultrafiko kaj Balneologio, kaj en la nomo de la Komerca kaj Industria Ĉambro de Budapest kaj de Hungara Radio Revuo «Radio Magyar Ujsag».

Dro Privat sciigis, ke li ĵus ricevis leteron, ke mortis nia konata germana pioniro Gube, kaj esprimis al la germanaj samideanoj sian kondolencon. La ĉeestantaro leviĝis.

Min. kons. D-ro Ellerbeck transdonis la salutojn kaj dankon de la germana ministro por trafiko Koch pro la afabla invito al la kongreso. La ministro ĉiam favore subtenas la movadon, ĉar oni ekkonis, ke por trafiko trafiklingvo necesas.

Dro Dietterle sciigis pri enketoj faritaj en Ameriko per S-ino Morris kaj en Europo per Prof. Dro Bovet, direktoro de Intern. Instituto por edukado en Genève, pri rezultoj de instruado de Esp. en la lernejoj. S-ino Morris presigos sian raporton kaj la gekongresanoj ricevos ĝin. La enketon de Prof. Bovet oni publikigos en «Esperanto». Plue Dro Dietterle raportis pri la statistiko kaj plendis, ke mankas ankoraŭ granda nombro da respondoj. Li plendis ankaŭ en tiu rilato pri maldisciplino de la esperantistaro kaj citis vorton de Zamenhof «La malamikoj ne estas ekstere, sed inter ni» kaj petis, ke oni ne agu tiel, sed subtenu ĉiurilate lian gravan laboron.

S-ino Morris parolas pri la laboroj de la «Asocio por intern. helplingvo» por enkonduki Esp. en la lernejojn.

Sro Hahn Dresden tre interese raportis pri la spertoj kaj rezultoj de interkorespondado de infanoj en Esperanto.

Sro Neuzil eu Olomoŭc raportis pri la sama temo kaj intencas aranĝi en la venonta jaro Internacian Tendaron por esp.-istaj skoltoj.Li petas subtenon kaj propagandon por ĉi tiu celo en la diversaj landoj. D-ro Privat subtenas la aferon dirante, ke oni sendu el ĉiu lando unu infanon kiel premio por bona lernorezultato.

Unu el la plej bone sukcesintaj kunsidoj estis tiu de la Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio, je la 30a de Julio n. j. je la 3a ptm, la unua depost la postmilita reorganizo de tiu tre grava Societo. La dan-

zigaj «Naturforschende Gesellschaft« kaj «Aertzlicher Verein» afable disponigis ejon por tiu kunsido.

En ĉeesto de ĉirkaŭ 60 personoj, reprezentantaj 10 diversajn naciojn le prezidanto de TEKA Sro M. Blassberg malfermis la kunsidon per bela parolado, en kiu li speciale substrekis, ke kuracistoj laboras por pure idealaj celoj kaj liveras helpon kuracistan al ĉiuj homoj sendepende de ilia nacio aŭ religio. Tial la ideo de esperantismo trovis la plej varman apogon ĝuste ĉe la kuracistoj.

Oni elektis honoran prezidantaron el Sroj: Dro Buchanan (London), Prof. Dro Odo Bujwid (Krakovo), Prof. Petruschky (Danzig) kaj Dro Leon Zamenhof (Varsovio). Poste salutis Sroj: Aelterman en la nomo de Internacia Centra Komitato de la Esp. Movado kaj de la Loka Kongresa Komitato, Prof. Dro Odo Bujwid en la nomo de Internacia Scienca Asocio kaj Dro Fuchs legado de gratultelegramoj, amase venintaj el diversaj landoj.

Poste faris tre interesan sciencan prelegon Prof. Dro Asada el Nagasaki, kiu prezentis laborojn de siaj helpantoj en la Regna Instituto' Jura Medecino. Unu el tiuj laboroj koncernis la mekanismon de mortiga efiko de elektra energio.

Pro. Dro Bujwid el Krakovo prelegis pri la kapricoj de steptokokoj. Pri tiu-ĉi temo diskutis ankaŭ Prof. Petruschky el Danzig, kiu komunikis siajn spertojn en tiu rilato.

Hodiaŭ okazis ankoraŭ fakaj kunsidoj de la poŝtistoj, la bankistoj, la filatelistoj kaj la skoltoj.

Posttagmeze diversaj paroladistoj prezentis lumbildajn paroladojn pri diversaj urboj kaj landoj.

Je la oka vespere la kongresanoj kunvenis en Danziga Hotelo por ĉeesti festvesperon kun danca kaj kabareda parto,dum, el la dariostacio, dudeko da diversnaciaj esperantistoj dissendis Esperantajn kaj nacilingvajn salutojn. Parolis por Belgujo: Sro Schoofs.

Fine, je la 9a vespere la Senato akceptis en la antikva Artushof grandan delegitaron de la Kongreso. Ĝin ĉeestis multaj lokaj aŭtoritatuloj kaj la diplomatiaj reprezentantoj de Aŭstrujo, Belgujo, Britujo, Brazilo, Danujo, Francujo kaj Germanujo. Inter la numeroj de bone elektita diversnacia muzik-programo parolis sinsekve: Sro Dro Sahn, prezidanto de l'Senato, Sro Aeltermann, prezidanto de la loka O. K., Sro E. Privat, prezidanto de la I. C. K., kaj Dro Asada, el Japanujo.

---

Dimanĉon, 31an de Julio.

En la katolika preĝejo antikva de Sta Nikolao granda nombro de Esperantistoj kaj de neesperantistoj kunvenis por ĉeesti diservon kaj bonegan paroladon de pastro Andreo Ĉe,dum pastro Loscher el Leipzig predikis en la preĝejo Sta Maria, kie okazis la protestanta religia soleno.

Posttagmeze estis promen-koncerto sur la ĉefstrato «Langer Markt» kaj rondflugadoj en la Danziga flugkampo.

La ĉefaj faktoj de la tago tamen estis la plantado de la Jubilea Kverko en Zoppot kaj la Jubilea festverpero en Schützenhaus.

Eksterprograme kelkaj samideanoj foriris matene el Danzig kaj veturis al Gdynia, la pola haveno kiu estas la pordo de la historia «pola koridoro». En la haveno mem kelkaj kompetentuloj klarigis la celon de la konstruo de tiu nova haveno, kiu sendube post kelkaj jaroj akiros certan gravecon. La ekskursantoj poste veturis al Zoppot, kie ili ĉeestis la solenan kunvenon de la plantado kaj la inaŭguron de la memorŝtono.

Vespere ĉiuj kongresanoj ree kunvenis en la granda salono de Schützenhaus, kie okazos la jubilea vespero.

La danziga ĥoro de instruistoj sub gvido de S-ro Mejewski prezentis kelkajn kantojn.Prologon tre imprese recitis S-ino Herrnstadt-Oettingen, post kio sekvis la alparoloj. La unua parolis Sro F. Zamenhof, frato de la majstro. Sro Edmond Privat, la prezidanto de I. C. K., kiel ĉiam elokvente kaj kun granda temperamento faris sian paroladon. Poste sekvis paroladoj de Sroj Setälä el Finlando, Sro Nylen el Svedujo, Sro Dresen el U. S. S. R. kaj S-ino Isbrücker el Holando. Sro superkantoro Meisel kantis emocie la Zamenhofan «Ho, mia kor» laŭ propra kompono. La jubilean feston finis kelkaj numeroj de kantado, prezentitaj de la nomita ĥoro.

Varme aplaŭdita estis telegramo de princo Carl de Svedujo, kiu bedaŭris, ke li ne povis veturi al Danzigo, promesante tamen iri al la kongreso de Antverpeno.

La feston ĉeestis reprezentantoj de senato, parlamento, urba konsilantaro, diplomataro kaj diversaj eminentuloj danzigaj.

La vespero postlasis tre agrablan impreson, kvankam oni povas eble bedaŭri, ke la tuta aranĝo ne estis sufiĉe solena.

---

Lundon, la 1an de Aŭgusto.

Matene estis en la Teknika Altlernejo la prelegoj de Sro Schmidt el Postdam (daŭrigo), de Sro O. Bujwid el Krakovo, pri la unueciĝo en kampo de higieno kaj profilakto, de Sro C. C. Tarelli pri la unuecigo de la laborlegaro.

Fakaj kunsidoj okazis de Folkloristoj, hebreoj, fervojistoj, kuracistoj, laboristoj.

Dum la 3a T. E. K. A. kunsido, post raportoj de Droj Blassberg kaj Robin, okazis vigla kaj interesa diskuto pri la plej bonaj rimedoj por disvastigi kaj utiligi la lingvon inter la kuracistoj. Fine, la Ĝenerala Sekretario, Dro Kempeneers el Bruselo prelegis pri «La reedukado de la kripluloj per la laboro». Dum tiu prelego, li vidigis serion de lumbildoj montrantaj kriplulojn provizitajn je aparatoj kiuj permesas al

ili fari eĉ malsimplajn laborojn. Li ankaŭ projekciis la lumbildojn eldonitajn de la kompanio «Fotoskopo» el Bruselo kun la helpo de «Universala Esperanta Blindula Asocio» pri «Laboro de la Blinduloj en Industrio». Tiuj filmoj, kaj la aparato mem, multe interesis la ĉeestantojn.

Posttagmeze I. C. K., K. R. kaj U. E. A. havis publikan kunvenon en kiu oni precipe diskutis la lokon de proksimaj kongresoj, t. e. post la 20a kiu havos sian lokon en Antverpeno Estis diversaj invitoj: Berlin, Budapest, Pozman, Madrid. Estis decidite iri en 1929 al Budapest. La kunveno ankaŭ decidis, estonte elekti nur por 1 jaro, escepte por 2 jaroj, la lokon de la kongresoj universalaj.

La kunveno aprobis opinion esprimintan de Sro Schoofs, kiu diris ke estis jam tempo ree viziti iun sudan landon, kaj akcepti kiel eble plej baldaŭ la proponon pri Madrido, kiu tre certe donos okazon ankaŭ ion aranĝi en Francujo.

Je la 5.30 ptm. la Alta Komisaro de la Ligo de Nacioj Sro van Hamel kun sia edzino akceptis multajn kongresanojn. Entute ĉeestis cento da personoj, kiuj estis tre gastame akceptitaj en la ĝardeno, kie ludis polica orkestro. Post regalado de la gastoj okazis kelkaj deklamadoj. Sekvis tre sprita alparolo de la Alta Komisaro, kiu akcentis sian bonvolemon al la esperanta afero. Li speciale akecntis la gravecon de Esperanto por malgrandaj popoloj.

D-ro Privat, kiel prezidanto de I. C. K.' respondis al la Alta Komisaro kaj uzis tiun okazon por mencii, ke la Komisaro ne de nun estas bonvolema por la esperanta movado, sed jam de certa tempo montris sian simpatian rilaton al nia afero. La paroladojn finis prezidanto de la Kongreso Sro Aelterman per mallongaj spritaj vortoj pri tio, ke la esperantistaro estas kvazaŭ propra privata Ligo de Nacioj kaj ke la granda Ligo de Nacioj devus sekvi la ekzemplon de nia Ligo, kiu havas sian propran lingvon.

La akcepto havis tre simpatian karakteron kaj tre plaĉis al ĉiuj ĉeestantoj, kiuj bone kaj agrable pasigis la tempon en la rezidejo de la reprezentanto de Ligo de Nacioj.

---

La internacia kostumbalo okazis en Schützenhaus. Ĝi estis sendube unu el la plej sukcesaj kaj belaj de ĉiuj niaj internaciaj kongresoj. La publiko vidis multajn naciajn au regionajn kostumojn devenantajn ne el teatraj vestaĵoj ŝrankoj, sed alportitaj el ĉiuj landoj de Japanujo ĝis Finlando.

La junuloj multe dancis kaj ili ne estis la solaj, ĉar ni havis la agrablan surprizon vidi Snon Tuschinski danci, malgraŭ siaj 86 jaroj kun Dro F. Zamenhof, je la aplaŭdoj de la tuta ĉeestantaro.

Konkurso de internaciaj kostumoj kun internacia juĝantaro por la disdono de premioj permesis al ni ĝui la plej diversajn kaj original-

ajn kolorojn, kaukovrilojn kaj tukojn. Estis ankaŭ koncerta parto kun finlandaj kantoj.

Kaj ĝis tre malfrua horo la publiko dancis senhalte kaj senlace.

---

Mardon, la 2an Aŭgusto.

En la Somera Universitato okazis la lasta prelego, nome, tiu de Sro Prof. Asada, el Nagasaki, pri la stato de la jura medicino en Japanujo.

La 2a laborkunsido de la kongreso aŭdis la raporton de la lingva komitato. Post raporto prezentata de Sro Privat, okazis tre interesa diskutado pri la esparolado de la vokaloj en Esperanto. Diversajn opiniojn oni aŭdis, el kiuj oni povas konkludi, ke estas dezirinde ne tro longe elparoli la vokalojn kvankam troa rigideco ne estas nepre necesa. Iu parolanto prave rimarkis, ke estus pli bone,postuli pli da unueco en la elparolado de la konsonantojn ĉar en kelkaj landoj oni malbone elparolas, eĉ tute konfuze uzas la konsonantojn b kaj p; t kaj d; v kaj f.

Oni aŭdis ankoraŭ kelkajn parolantojn, inter kiuj: Dro Asada, Warden, Schoofs, kaj aliaj, kiuj insistis por ke U. E. A. uzu en siaj dokumentoj pure oficialajn formojn laŭ la Fundamento kaj laŭ la decidoj de la Akademio kaj Lingva Komitato.

Dro Privat komunikas ke la firmo Tri-Ergon Muzik-Berlin habrikis diskojn laŭ la nova sistemo de parolanta filmo kaj decidis donaci po du al la gekongresanoj, nome «Prologon por la Deknaŭa» parolita de Sno Edith Hernstadt-Oettingen kaj «Parolado» de Sro Edmond Privat. Sekvis prezentado de ambaŭ diskoj per la reprezentanto de la firmo Sro Loewenstein kaj aplaŭdo estis la danko de la ĉeestantoj. Sro Aeltermann esprimis sian dankon al la firmo kies donaco estis en belaj ruĝaj kovriloj kun surskribo.

Fine, Sro Schoofs, el Antverpeno, montris belegan filmon pri la urbo kaj haveno de Antverpeno kaj akompanis ĝin per klarigaj vortoj. La Konsulo de Belgujo ĉeestis ĉi-tiun paroladon.

Tuj post tiu parolado sin anoncis jam kelkdekon da aliĝantoj al la 20a Kongreso, kiuj tuj pagis sian kotizon.

Vespere multaj kongresanoj ĉeestis la mirinde belan prezentadon de «Göttendämmerung» (krepusko de la dioj) de F. Wagner,( en la grandioza kadro de la fama Arbar-opero de Zoppot.Nia plumo ne estas sufiĉe kompetenta nek kapabla por priskribi la teknikan aranĝon de tiu arta manifestacio, kaj la fortegan impreson, kiun ĝi produktis sur la pli ol 6000 aŭskultantoj. Neniam ni vidis ion tiel belan.

---

Merkredon, la 3an de Aŭgusto.

La kongresanoj frumatene enŝipiĝis sur la turistan ŝipon Paul Benecke, kiu tra la haveno kaj golfo de Danzig veturis al Zoppot, kie

oni alvenis je la 1a horo.Post komuna tagmanĝo en la Kurac-domo okazis tie bone vizitata lasta laborkunsido. Prezentis sian raporton pri K. R. Sro Schoofs, kaj Sro Warden pri la Akademio. Poste komencis detale la raporton de Int. Centra Komitato Sro Dro Privat. Estis akceptita propono de Sro Balkanyi pri soleno de la naskiĝtago de Dr Zemenhof (15 Dec.) per subteno de la Esperanta literaturo, t. e. ke tiun tagon ĉiu esperantisto aĉetu iun esperantajon, kiu ajn malgranda aŭ malmultekosta ĝi estu.

Sro Privat dankis la organizintojn de la kongreso, precipe Sron Aeltermann, kies nomo estis varme aplaŭdita.

Sro Aelterman dankis ĉiujn kongresanojn kaj oficiale fermis la kunvenon.

———

Vespere delegitaro internacia estis akceptita ĉe Sro Ministro Strasburger, ĝenerala komisaro de la Pola Respubliko.

La tagon finigis bone sukceinta balo en la Kuracdomo de Zoppot.

———

La granda parto de la kongresanoj forlasis Danzigon, jaŭdon la 4an de Aŭgusto, per du vagonaroj al Varsovio, kie la 15an okazis soleno sur la tombo de Dr L. L. Zamenhof.

La sekvantan tagon ili veturis al Bialystok, kie memoriga tabulo estis fiksata ĉe la naskiĝdomo de la patro de Esperanto.

———

La belgaj delegitoj forveturis el la kongresurbo la 5an de Aŭgusto per la ŝipo «Château Lafite» de la franca ŝipkompanio Worms & Co.

Belega vetero favoris ilian kvartagan vojaĝon tra la Balta Maro, la Kanalo de Kiel kaj la Norda Maro.Lulante sur la tute serena akvospegulo ili plene ripozis el la nerva kongresa laboro.

Ili meditis pri la pasintaj tagoj kaj pri la multnombraj konsiloj, kiujn ili ricevis en Danzig de bonvolemaj kongresanoj pri la ekstera kaj interna organizo de kongresoj.

Mardon la ŝipo naĝis en la havenon Antverpeno, kiu havos nur la necesan tempon sin pretigi por akcepti proksiman jaron la tutmondan samideanaron.

———

## LA KONGRESO MORTIS. — VIVU LA KONGRESO!

La lastan tagon de la kongreso, la ĵurnalo «Danziger Neueste Nachrichten» eldonis ĉi suban artikolon, per kiu malfermiĝis la periodo de la publika propagando por la 20a Universala Kongreso okazonta en Antverpeno de la 3a ĝis la 11a de Aŭgusto 1928.

———

## ĜIS 1928 EN ANTVERPENO.

Samideanoj partoprenintaj la Sepan en 1911 en Antverpeno, rememoras pri tiu bela urbo kaj haveno, kie apud malnovaj mezepokaj domoj oni trovas modernajn perfektajn konstruaĵojn kaj grandegan havenon kiu, de kelkaj jaroj, konsiderinde pligrandiĝis. La urbo estas same plena je muzeoj historiaj aŭ pentrartaj kaj je historiaj monumentoj,el kiuj la plej bela estas la Katedralo.

La centra situacio de Antverpeno en Eŭropo ebligas la partoprenadon de kongresanoj el ĉiuj landoj de la Okcidenta Eŭropo.

Lokaj samideanoj havas jam sperton pri organizo de internaciaj kongresoj, tiamaniere ke improvizadoj ne okazos.

Jam multaj aliĝoj estis kolektitaj en Danzig dum la kongreso. Princo Karlo de Svedujo anoncis same sian aliĝon.

La parolado kun filmoj farita de S-ro Schoofs hieraŭ en la ĉeesto de belga Konsulo permesis al la kongresanoj juĝi pri la urbo.

Ĝis revido en Antverpeno en 1928.

---

## BABILADO.

---

## "BIS REPETITA PLACENT"

Jes, ni reparolu duan fojon pri jam pribabilitaj temoj!

En la februara numero de B. E. mi konsilis, ke ĉiuloke- kaj -okaze ni uzu nian lingvon kun neesperantistoj kaj mi asertis, ke ĉi tiuj nin komprenos tute bone, kondiĉe ke ni elparolu ĝin korekte, klare kaj ne tro rapide. De tiam ne nur diversaj samideanoj plene aprobis nian ideon kaj ĝin efektive ekpraktikadis, sed propra sperto akirita dum la lastaj monatoj brile pravigis nian opinion.

Efektive, dum la scienca semajnoduo, kiu okazis en la Monda Palaco, de Bruselo, dum la monato julio lasta, via servanto faris antaŭ cento da geaŭskultantoj, el kiuj 90 % estis ne-esperantistoj, paroladon pri la historio de la harpo. Ne nur neniu el la publiko forlasis la salonon, sed post la fino de l'kvinkvaronhora parolado multaj personoj atestis sian miron pri la belsoneco kaj la plena komprenebleco de Esperanto kaj sian ekintereson al ĝi! Cetere, la vizaĝesprimo de la geaŭskultantaro pruvis konstante, ke oni komprenis miajn klarigojn kaj ke oni estis interesata.

Dum la Esperanta diskuto, okazinta la 6an de Aŭgusto lasta en la fina ĝenerala kunveno de la XIIIa internacia kongreso de Stenografio, denove en la Brusela Monda Palaco, la samo okazis!

Ni povas cetere konstati la saman fenomenon ĉe multaj aliaj kunvenoj, ekz. dum la parolado de Dro Corret pri T. S. F. dum semajnoduo okazinta antaŭ kelkaj jaroj kaj ĉefe dum la diversaj internaciaj konferencoj okazintaj de 1922 en Venecio, en Ĝenevo, en Parizo, en Praha,

kaj ofte ni aŭdis esprimi la saman konstaton de personoj ne-esperantistaj ĉeestintaj Esperantan kongresfeston, k. c.

Pli ol iam, mi do rediras al ĉiuj gesamideanoj: «Cie kaj ĉiam ni uzu nian lingvan sen falsa hontemo nek ridinda timo!»

L. COGEN.

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — «La Verda Stelo». — La 2an de Julio la grupo akceptis Sron Dron Alfredo Stromboli, el Pisa (Italujo), kiu rakontis pri sia lando. Ĉiuj ĉeestantoj multe ĝuis liajn interesajn klarigojn. — La 9an okazis kantlernada vespero gvidita de F-ino Jeannee Van Bockel, kaj la 16an la membroj pasigis agrable intiman vesperon, ludante Esperantojn ludojn.

Dimanĉon, la 17an la grupanoj ekskursis al Cappellen op den Bosch kune kun samideanoj el Bruselo kaj Mehleno. Partoprenis ankaŭ en tiu ekskurso Sro Holger Hansen, el Hölbak (Danujo), kiu trapasis Antverpenon veturante al Francujo. — La 23an la diskutemuloj trovis okazon ekzerci sian paroladan talenton diskutante pri «vegetarismo». La vesperon gvidis Sro A. Faes. — Sabaton, la 30an de Julio la grupo organizis muzikvesperon, dum kiu S-ino Lucette Faes kaj F-ino Jeanne Van Bockel aŭdigis belajn muzikajojn.

Laŭ nova metodo, kiu plene sukcesis pasintan sezonon, «La Verda Stelo» ĉiumonate organizos novan kurson de Esperanto. La unua kurso komenciĝos mardon la 20an de Septembro kaj la dua ĵaŭdon la 13an de oktobro 1927.

Krom la kursoj, kiujn aranĝas la liga grupo «La Verda Stelo» aliaj lecionoj de Esperanto estas anoncitaj per apartaj afiŝoj:
1e en la vesperkursoj de la urbaj lernejoj; 2e en la Popola Universitato por Laboristoj (profesoro Sro E. Willekens), 3e en la Sindikato de oficistoj de komerco kaj industrio.

BRUSELO. — La «Brusela grupo Esperantista» plenumis sian aŭgustan programon. La 22an, la prezidanto, Dro Kempeneers, faris tre interesan paroladon pri la internacia kongreso en Danzig. Li montris belajn fotografaĵojn, per «fotoskopo», de Danzig kaj de la kongreso mem.

La 19an de septembro, la grupo kunvenos en Mehleno kun la tieaj amikoj kaj Samideanoj el Antverpeno por aŭdi sonorilarkoncerton.

La grupanaro senĉece pligrandiĝas kaj baldaŭ antingos la centon.

**«En Monda Palaco».** — Post kelkaj jaroj, «Monda Palaco» religis la tradicion de la «Internaciaj Dekkvinoj». La IVa do okazis de la 17a ĝis la 31a de julio. Ĉeestis multaj eminentuloj fremdaj kaj belgaj. Okazis prelegoj, diskutoj pri diversaj temoj de internacia intereso, sub la direktado de la ĉiam junaj kaj viglaj Sroj. La Fontaine kaj Otlet.

Kiel kutime, Esperanto ludis sian rolon en tiu dekkvina. Estis aran-

ĝitaj du esperantaj paroladoj: 1o) Sro Inĝ. Isbrücker, el Hago, parolis pri la progresoj de la telefonio. Post klarigo de la principoj de telefonio, li priskribis la ĉiam pli komplikiĝintajn sistemojn kiuj permesas la interligon de unu aboninto al la alia, en urboj ĉiam pli grandaj, ĝis la nunaj aŭtomatoj aparatoj.

2o) Sro Cogen klarigis la historion de la harpo, tiu malnova muzikinstrumento, kies specimenojn oni trovis jam en lapra-Egiptujo. Tiu instrumento multa variis, bezonis multajn perfektigojn, kaj nun, post la elpensaĵo de G. Lyon, ŝajnas esti tute perfekta.

Tiuj du paroladoj pruvis tute klare la taŭgecon de Esperanto por la klarigado de kiu ajn temo, ĉu scienca, ĉu teknika, ĉu arta.

Ni multe dankas la estrojn de «Monda Palaco», kiuj jam de longe subtenas nian lingvon kaj ĉiam defendis ĝin. Niaj legantoj scias, ke, en «Palais Mondial» estas aranĝata Esperanto - ekspozicio; la tuta monda muzeo valoras viziton, kiun ni varme rekomendas al la esperantistaro.

GENTO. — La novaj kursoj komenciĝos la 21an de septembro.

MEĤLENO. — La 13-14-15 de aŭgusto la grupo partoprenis la tendaron en Hofstade organizitan de Antverpenaj amikoj.

La 19an de septembro ĝi akceptos la Samideanojn el Antverpeno kaj Bruselo, kiuj iros Mehlenon por aŭdi sonorilarkoncerton.

SANKTA NIKOLAO. — Bonege sukcesis la ekskursoj al lago de Overmeide kaj la urbeto Mariaburg. Eĉ en tiu lasta loko kun partopreno de mistera policestro. Ankaŭ la lasta ĝenerala kunveno estis granda sukceso. Oni akceptis diversajn punktojn poresperantajn. Propaganda dancfesto, kiun ĉiuj Samideanoj estas kore invititaj ĉeesti, okazos en Oktobro. Nova kurso baldaŭ rekomenciĝos kaj jam de nun la estraro aranĝis perfektigan kurson. Vere la movado kontentige kreskas en tiu urbo.

TIRLEMONT. — La prezidanto, Sro Carlier, pro personaj motivoj, devis forlasi la prezidantecon. Sro Gys, la urba lernejinspektoro, estas elektita kiel nova prezidanto. Li ageme propagandas inter la geinstruistoj kaj multaj jam lernas nian lingvon.

Sro Rodeyns, la agema Vicprezidanto, faris sukcesplenan paroladon por la militaerflugistoj koj por la suboficiroj de la 15a artileria regimento. Rezultato: 20 novaj membro-abonantoj por B. L. E. Sama parolado okazis por la «akcizistoj» deĵorantaj en la sukerfabrikejo: «Raffineries Tirlemontoises» kaj multaj el ili eniris nian movadon. Gratulojn al niaj viglaj propagandistoj en Tirlemont.

---

# BELGA GAZETARA STATISTIKO

En Julio ni ricevis 10 artikoletojn pri Esperanto el 8 gazetoj el 5 lokoj. 7 en flandra kaj 3 franca lingvo.

La novaĵoj pri la Universala Kongreso en Danzig vekis la intereson de multaj gazetoj en nia lando, precipe en Antverpeno kaj Bruselo. «Le Soir» enhavis ĉiutage detalajn raportetojn. «Le Matin» publikigis ĉefartikolon pri t. n. neperfektaĵoj de Esperanto, al kiu respondis per bonegaj argumentoj Sro Maurice Jaumotte kaj S-ino Elworthy Posenaer. La jurnalo publikigis la plenan tekston de ambaŭ respondoj. Ankaŭ la gazeto «Neptune» aperigis artikolon, kiu neas la taŭgecon de Esperanto por literaturaj celoj.

# GRATULOJ

Sro Justin GAUL, membro de «La Verda Stelo», el Borgerhout, edziĝis la 17an de Aŭgusto kun Fraŭlino Maria MANNAERTS.

Tutkorajn gratulojn!

# LA XIIIa INTERNACIA KONGRESO DE STENOGRAFIO

Ĝi okazis en Bruselo de la 4a ĝis la 8a Aŭgusto 1927, kaj kunigis 1.033 aliĝintojn, el 27 landoj.

Memkompreneble, en tia internacia rondo, Esperanto devis nepre ludi sian roloon. Laŭ informoj elĉerpitaj el la «Revue Sténographique Belge», dum la Laborkunsido, membro demandis ke, pro la ĉiutagaj venkoj de Esperanto kaj de Esperanta Stenografio, pluraj esperantistap stenografistoj estu akeptataj en la delegitaroj. La Prezidanto Sro Georges Buisson (Francujo), rekonis la multvalorajn avantaĝojn de la helplingvo, kaj esperis ke, baldaŭ, oni povos kontentigi la pravajn postulojn de la esperantistoj.

Oni poste formis la sekciojn. Sur la tagordo de la 3a, estis ankaŭ Esperanto. Estis elektitaj kiel prezidanto de tiu sekcio, Sro Navarre (Francujo), kiel vicprezidantoj, S-ino Rochat - Burdin (Svisujo), Sroj Cogen (Belgujo), Flageul (Francujo), kiel sekretario, Sro Lambotte (Belgujo).

Dum la ferma kunsido, Sroj Cogen kaj Flageul okazigis, esperantlingve, interesan diskuton pri stenografio kaj esperanto. Multaj kongresanoj partoprenis ĝin. Poste, Sro Flageul komunikis la rezultatojn de la unua konkurso de Esperanta stenografio, kiu ĵus estis okazinta. Kvar kandidatoj partoprenis la provon. Ili ordiĝis jene: 1. Sro Hen-

dricx Victor; 2. F-ino Piau Odette; 3. Sro Liech René; 4. S-ino Picart, kaj ricevis ateston kaj medalon.

La Internacia Ekspozicio de Stenografio, bele aranĝita en «Palais Mondial», permesis al la Esperantistoj akiri novajn laŭrojn. Ricevis oran medalon: Asocio de la Esperantistoj Stenografistoj, Sroj Flageul kaj Cogen; arĝentan medalon, Sro De Maertelaere; bronzan medalon, Sro Alfred Lefèvre; honoran mencion, S-roj Frischknecht kaj G. Baugier.

Ni dankas kaj gratulas la organizintojn de tiu sukcesplena Kongreso, kaj precipe Sron A. J. De Baerdemacker, la viglan prezidanton de la Belga Stenografa Instituto «Institut Sténographique de Belgique» al kiu la Reĝo ĵus permesis uzi la titolon «Société Royale», kaj kiu jam montris sian intereson al Esperanto metante nian lingvon sur siajn programojn.

---

# VENUSO KAJ MADONO

de MIHAIL EMINESCU.

Ideal' perdita en la nokt' de mond' ne plu estanta,
Mondo kun la pens' fabela kaj parol' de poezi',
Mi vin vidas, aŭdas, sentas, aĵo dolĉa, bela, kanta,
El ĉielo kun aliaj steloj, paradizoj, di'.

---

Ho Venus', marmoro varma, ŝtonokulo ilumina,
Brako mola kiel penso de poeto — reĝ' dum jun' —
Vi estadis la diigo de beleco la virina,
La virino kiun bela vidas mi ankoraŭ nun.

---

Rafael' sonĝinte iam la senliman nokton grizan,
Kun animo radiplena kaj kun koro je fabel',
Vidis vin kaj osnĝis tuje la ĝardenon paradizan,
Vidis vin, reĝin' ŝvebanta de l' anĝeloj en ĉiel'.

---

Kaj li kreis sur la tolon bildon de Madon' Diina,
Kun de steloj diademo, kun mildeca virgridet',
En lum' blonda, kun vizaĝo de anĝelo, sed virina,
Ĉar virino estis ĉiam de anĝelo la portret'.

---

Tiel mi, perdita en la nokt' de vivo poezia,
Vidis vin, virin' senkora, sen anim', sen amfajrer',
Kaj mi igis vin anĝelo, milda kiel tag' magia
Kiam tra la viv' dezerta ridas ero da prosper'.

Mi rigardis la vizaĝon vian, palan pro ebrio,
Mi rigardis viajn lipojn, bluajn pro la malvirtec',
Kaj mi kovris vin per blanka vualaĵ' de poezio,
Kaj li vian palon vangan mi eknomis senkulpec'.

---

Kaj mi donis al vi nimbon ĉirkaŭanta la kranion
Kaj la frunton de anĝelo ideala el Eden',
El demon' mi faris dion, el bruaĉo simfonion,
Ei via rigard' malpura la okulon de maten'.

---

Sed hodiaŭ la vualo malaperas! Vekiĝinta,
Mia frunto ekmaldormas pro malvarm' de via kis'.
Mi rigardis vin, demono, kaj la amo foriĝinta
Min instruas vin rigardi malestime, kun malic'!

---

Vi similas gaħantinon kiu ŝtelis kontraŭ leĝo
De sur frunto virgulina verdan mirton de martir',
Virgulino, kies koro estis sankta kiel preĝo,
Dum la koro baħantina estas longa spasmedlir'.

---

Kiel Rafaelo kreis bildon de Madon' Diina,
Kun de steloj diademo, kun mildeca virgridet',
Mi ekfaris diianjon el pala estaj virina,
Kun malvarma sent' kaj koro plena de venen' kaj ted'.

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

Ĉu vi ploras, knabineto? Per rigardo elokventa
Vi denove povas ŝiri mian koron de vampir'.
Mi genue falas, kara, kaj mi petas korpripenta,
Dum mi kisas viajn manojn, la pardonon pro la dir'.

---

Ne plu ploru!... La kulpigo estis, kara, nur deklamo
Kruelega kaj maljusta, sen apogo, nur erar'.
Eĉ demono se vi estusZ vi sanktiĝas per la amo,
Kaj adoras mi demonon tiun-ĉi, kun blondharar'.

El la rumana lingvo:

HENRIKO RABINOVICI.

---

# LINGVA KOMITATO

La lastaj elektoj en la Lingvan Komitaton havis jenajn rezultatojn: Nova membro elektita: Sro L. Cogen (101 voĉoj); elirintaj membroj reelektitaj: Sroj Lundgren (99 v.), Krestanoff (98), Joseph Grau Casas (97), Török (95), F-ino Pulvers (93), Sro Bok (91). Nombro de la voĉdonintoj: 107.

# LA HORLOĜO

El «ARME MENSCHEN»
de REIMOND STYNS.

En la dometo de Peutje kaj Fine neniam estis ĝis nun horloĝo, kaj hodiaŭ la du simpluloj elspezis sian lastan monon por aĉeti la ŝrankhorloĝon en la aŭkcio sur la «Kraneveld» (1). Al ili ĝi ŝajnis la plej bela meblo de la farmejo, kaj rigardante ĝin, ili ĉiam ree vidos la grandan, riĉan kuirejon, kie ili tiel longe manĝis sian panon.

En la mizera dometo staris nun la multekosta meblo; de la malebena, argila planko ĝi atingis ĝis la nigra fum-malpura plafono, kaj kvazaŭ de ĝi subenpremata ĝi staris inter du fenestretoj pli larĝaj ol altaj.

La du jam pli ol sesdekjaraj mizeruloj estis kurbigitaj pro la laciga laboro en la farmejo. Antaŭ la peza, kverka ŝranko ili sidis ĉiu sur seĝo, kies piedoj estis eluzitaj preskaŭ ĝis la malsupra ligbastono. Ili sidis dorsflanke al la fajrejo en kiu brulet's ligneroj; ili grandokule rigardadis la horloĝon kaj de temp' al tempo ridetis unu al la alia; iliaj okuletoj briletis kaj profunda ĝojo desegnis ankoraŭ pli da faldetoj sur iliaj jam tiel sulkigitaj vizaĝoj. Ili estis atendantaj la horfrapon de l'horloĝo.

«Kion pensas la horloĝo nun, kiam ĝi vidas nian ŝrankon, kiu tie staros tiel malrekte? Kaj en tia malseketa angulo!» «Ĝi pensas nenion», konsolis Fine. «Mi ĵus ekfermis miajn okulojn kaj mi sidis, vere, en la kuirejo de la «Kraneveld». Peutje ankoraŭ cirkaŭrigardis nekredeme.

«Jes! kaj kie estas la bela planko, kiu brilis kiel spegulo kaj la du ŝrankoj plenaj je porcelano orumita; kaj la bretoj kun ĉiu tiu brilanta kupraĵo; kaj ĉiuj tiuj pladoj kaj teleroj? Tion mi ne diras. Fine, ĉar mi estas enviema, sed mi tiel multe ŝatas paroli pri ĝi kaj mi tiel kompatas la estron. Ĉio estas nun for tie... kaj...»

«Ni prefere silentu pri tio» diris Fine mallaŭte, ĉagrentone. «Tio estos preferinda!» Li ne volis iĝi melankolia, sin levis, glutis sopiron dum li rektigis sian kurbigitan dorson. Li prenis la kandelon el la ingo kaj

(1) «grukampo».

grimpis singardeme sur seĝon ; atente li ekzamenis la arĝentumitan ciferplaton, kaj tusetis kaj baldaŭ murmuris, kvazaŭ io ne estis tute ĝusta: «mia klereco ne estas tiel vasta», li diris elreviĝe. «Literoj estas skribitaj sur ĝi, sed eĉ la diablo certe ne komprenus tion».

Malvolonte li forturnadis sian rigardon, kaj eklumigis ĉiujn partojn de la supera kverka ĉizaĵo; subite lia buŝo malfermiĝis pro muta rido, kaj li turnis sian torditan vizaĝon al Fine. «Tie en la farmejo mi tion neniam vidis; troviĝas sur ĝi stranga, kunbarba kampulo, kun falĉilo en la mano... «Peutje kaŝridis, li volis rigardi ankoraŭ pli alten, sed la seĝo kraketis, ŝanceliĝis iomete, «Prenu la kandelon, Fine, prenu la kandelon, ĉar mi falas!» Li kurbigis la dorson, kaptis la apogilon, kaj hezite serĉis per piedo la teron, antaŭ ol depaŝi. Li malfermis la pordeton de la mallarĝa ŝranko, por vidi la larĝan pendolplaton balanĉiĝantan tien kaj reen kaj la peza, solena tiktako, plilaŭte plenigis la dometon. «Atentu» avertis Fine. Ili ree okupis sian sidlokon, kaj aŭskulteme alrigardis; la longa montrilo alproksimiĝis la plej altan punkton, glitis ĝis la cifero dekdu, tiam aŭdiĝis klaketado, kaj bato sonis kun vibranta sonoro, kiu tremadis ankoraŭ momenton. Peutje tiam levis la kaliĝintan montro-fingron kaj kune ili nombris duonlaŭte de unu ĝis dek! Ili ridis kaj turnis sin, kvazaŭ ili serĉus atestantojn por sia infana plezuro. «Estos certe tut-alia vivo», Fine goje diris. «Nun ni ĉiam scios kioma horo estas. Nu, nu kiom da fojoj ni levis nin tro frue; ĉiam tiu timo alveni tro malfrue!» La okuloj de Peutje brilis, kaj li skuis la kapon, pensante al malgaja estinteco.

Fine aŭskultis neatente, longe fiksrigardis lin sonĝe. «Ili ne ĉiuj estas tiel bonŝancaj kiel ni», ŝi hezite komencis kaj humhumis poste. «Se Pier Gone iam ree okupus sian farmbienon, estus tro kruele trovi tie nenion plu el la tempo de la formortinta mastrino. Mi volus cedi al li la horloĝon je la aĉet-prezo... Ni tiel longe vivis sen ĝi...»

Peutje kapjesis plurfoje, eksidis momenton kaj fortusis sian emocion. »Bone dirite, bone dirite... la bovgardisto diras, ke ni ricevis ĝin tre malkare, terure sub la valoro, kaj tamen ni farus tion! Kun plezuro! Ni ĉiam manĝis lian panon kaj li estis bonkora...»

«Kaj se tio povus helpi, ni donus ĝin senpage al li», Peutje turnis sian seĝon kaj sidis dorsflanke al Fine. «Vere, ŝi farus tion» li murmuris. «Ŝia koro estas el pura oro». Ho Dio, ke li ree povu ŝarĝi la horloĝon sur la puŝveturilon kaj porti ĝin al la mastro, en la kuirejon, meze de la estintaj posedaĵoj. Tie ĉi neniu venos vendi ion! Kaj tie ĉi Peutje estis tiel feliĉa kun Fine kvankam nur en malriĉa domo! Rigardu la fajrejon! Kie ekzistas pli bona loko en la tuta mondo! La cindro ridis kaj ardis kiel suno matena sur la fulgonigra muro. Kaj tie ofte sidis Peutje kun Fine, kviete kaj pace senparole, ĉiu en sia anguleto. Kiam dum vintro, dimanĉvespero, li estis hejme kaj la terpomoj pendis super la fajro, ili travivis intiman momenton aŭskultante en la mallumo la bruetadantan boladon en la poto...

Ĉiuj anguloj de la eta kuirejo malaperis en mallumo, sed jen kaj tie briletis linio de la malriĉaj, simplaj, eluzitaj mebletoj.«Tiu malfeliĉa Pier Gone». La kandelo staris en ligna ingo sur la malalta tablo. Peutje ekvidis en la flamo la «Kraneveld» kia ĝi nun estas; la flamo momenton restis senmova; poste kuntiriĝis, relongiĝis, kaj baldaŭ dancetis rapide kun mallongaj saltetoj. «La estro certe mortos pro tio!» La okulo de Peutje iĝis malseketa; guteto dikiĝis ĉe l'pinto de lia nazo. La kandelflamo, tra liaj larmoj iĝis hele kolorita fajrobulo, kaj centoj da radioj laŭvice aŭ ĉiuj samtempe estis pikantaj al liaj okuloj. Li tusis kaj tusetis, kaj sekigis la vizaĝon per sia ruĝa naztuko. Fine bone sentis kio okazis. «Ni ja ne povas helpi tion, edzo. Fumu prefere ankoraŭ pipeton».

Li prenis el sia kitel-poŝo «barbbruligilon» kaj tabakon kaj ŝmacante li ekfumis, sed post momento li tenis la pipeton senmove kontraŭ la sulkeca vango, kaj la lasta fumringeto cirklis for.

Ili enlitiĝis kaj aŭskultis duondormante la strangan tiktakon kiu estis veninta en la domon.

El la Flandra tradukis
«LA VERDA STANDARDO» Antverpeno.

---

ESPERANTO FACILA.

---

# MALBONECO PUNAS SIN MEM

Riĉulo sciigas tra la tuta urbo, ke li estis perdinta monsakon enhavantan cent ormonerojn, kaj li promesis, kiel rekompencon, dek ormonerojn al la honesta retrovonto.

Malriĉulo trovis la monon kaj pensis: «Mi ĝin redonos ĉar estas pli bone ricevi honeste dek monerojn ol posedi cent malhoneste». La bonulo do portis la monon al ĝia proprajulo; sed la senkompata riĉulo rifuzis doni la promesitan rekompencon. Ĉiuj, kiuj eksciis pri tio,koleris kontraŭ l'avarulo, kiu tiel mallaŭdinde malplenumis sian promeson.

La afero estis ekzamenata de l'juĝisto,kiu venigis antaŭ si la riĉulon kaj la mizerulon. La unua provis sin savi per mensogoj kaj certigis, je sia honoro, ke krom la moneroj, grandvalora diamanto estis ankaŭ en lia sako; ke li volonte rekompencus la malfeliĉulon se li povus ankaŭ doni la ŝtonon.

La malriĉulo, male, certigis, ke, krom la moneroj, nenio estis trovebla en la sako.

Tiam la juĝisto faris la sekvantan juĝon:

« Konsiderante, ke la riĉa sinjoro ĵuris je sia honoro, ke krom la ormoneroj, troviĝis ankaŭ diamanto en la sako; ke mi ne povas atenci la honoron de l'grava viro, ke fine, mi nenial povas dubi pri liaj paroloj;

» Konsiderante, aliparte, ke la malfeliĉulo deklaris, ke neniu diamanto troviĝis kun la ormoneroj kaj ke li sufiĉe montris sian honestecon, redonante la monon;

» Ke estas sekve ekster dubo, ke la trovita monsako ne estas tiu, kiun perdis la sinjoro;

» Pro tio la trovinto rajtas teni la monon ĝis kiam venos alia persono, kiu pruvos, ke ĝi mem perdis la sakon. »

Ĉar, evidente, neniu venis, la malriĉa, honesta viro povis definitive teni la cent monerojn.

Tiel bonaj faroj estas rekompencataj; malbonaj, ĉiam punataj.

Tradukita el «Kleine Vertellingen» de C. Schmid,

L. COGEN.

---

TRA LA MONDO.

---

# NIA PROGRESADO

**OFICIALAJ POŜTKARTOJ KUN TEKSTO EN ESPERANTO.** — Okaze de la 19a Universala Kongreso de Esperanto, la Poŝta Administracio de Danzig aperigis oficialajn kartojn kun teksto en Esperanto. Temas pri 11 kartoj de po 10 fenigoj kaj de 11 kartoj de po 20 fenigoj; kiuj montras vidaĵojn de la urbo. La klariga teksto, samkiel la vorto «Poŝtkarto» estas akompanita de kontraŭflanka traduko en Esperanto. La kartoj, kiuj trovis grandan ŝaton ĉe la esperantistaro, estas vendataj ĉe ĉiuj giĉetoj de la Libera Urbo de Danzig. I. E. S.

**RADIO KAJ ESPERANTO.** — En Printempo la baltaj stacioj enkondukis Esperanton en sian programon. De post tiam la stacioj de Cleveland (14 marto), Oslo (23 junio), Praha (Paskon) kaj Minsk, Ruslando, (ĉiun lundon) disaŭdigis en Esperanto. I. E. S.

**LA TEKNIKA LITERATURO KAJ ESPERANTO.** — La «Radio-Journal», semajna organo de radiofonio kaj de l'radio-stacioj de Ĉehoslovakio entenas de post kelka tempo serion de artikoloj: Babilado pri Radio, tradukitan el Esperanto, kiu tie servas kiel teknika peradilo. I. E. S.

**LA TURISMO KAJ ESPERANTO.** Lastatempe turistaj eldonoj kaj gvidlibroj en Esperanto aperis pri Brno (Ĉehoslovakio), Cheltenham-Spa (Anglujo), Dordrecht (Nederlando), Dresden (Germanujo), Torquay (Anglujo), kie la Turismaj Oficiejoj uzas tiun ĉi lingvon por diskonigi al la eksterlando la allogaĵojn de tiuj urboj. I. E. S.

**LA FOIROJ KAJ ESPERANTO.** — Laŭ la preskaŭ tradicia kutimo de l'internaciaj foiroj la foiro de Parizo aperigis novan prospekton en Esperanto pri sia printempa ekspozicio 1927.

La foiro de Frankfurt anoncas la baldaŭan aperon de Var-vortaro en

Esperanto kun traduko en germana, angla, franca, hispana kaj itala lingvoj.

LA FOIRO DE BUDAPEST KAJ ESPERANTO. — La foiro de Budapest, jam aperiginte diversfoje prospektojn kaj afiŝojn en Esperanto, okaze de l'lasta foiro havis specialan esperanto-standon. Esperanto-interpretisto tie estis je la dispono de la eksterlanda vizitantaro, por doni al ĝi en tiu ĉi lingvo ĉiun deziritan informon. I. E. S.

LA HOTELOJ KAJ ESPERANTO. — Antaŭ ĉio en la hotela servo Esperanto jam faras praktikajn servojn. En Budapest pluraj hoteloj komencis afiŝi en siaj ĉambroj avizojn kaj regularon kun traduko en Esperanto.

Pro la proksima Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazos en Danzig dum tiu ĉi jaro, la hoteloj de tiu ĉi urbo faras same. I. E. S.

LA SAKSA INSTRUISTARO KAJ ESPERANTO. — Saksujo estas la centro de l'germana esperanto-movado. Esperanto estas tie enkondukita fakultative aŭ devige en grandan nombron da lernejoj. Lastatempe 96 saksaj instruistoj faris la Esperanto-ekzamenon en la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko, en Leipzig, kiu fukcias sub la aŭspicioj de l'germana ministerio de internaj aferoj. I. E. S.

# DIVERSAJ INFORMOJ

LA 16an BELGAN ESPERANTON - KONGRESON en Mons partoprenis 123 gesamideanoj. Manko de loko malhelpas nin publikigi la tutan nomaron.

Interesaj estas tamen la jenaj informoj pri la partopreno de la diversaj urboj : Antverpeno 30, Bruĝo 27, Bruselo 27, Gento 8, Liero 1, Mehleno 3, Moll 1, Mons 3, Ninove 3, S-ta Nikolao 8, Spa 2, Verviers 5, Okupata Germanujo 1, Anglujo 4, Francujo 6.

LA BIBLIO EN ESPERANTO. — La unua eldono de 3000 ekzempleroj de la Biblio estas elĉerpita. La Biblia Komitato, kiu entreprenis tiun grandiozan laboron, meritas la dankon de la tuta Esperantistaro.

# BIBLIOGRAFIO

PAUL BENNEMANN: **«Esperanto Handwörterbuch»**. II. Tei. — Deutsch - Esperanto. Eldonis, en 1926, Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig. 458 paĝoj 18 × 12 cm. Bindita. — Prezo: Rmk. 8.00.

Ĉi tiu vortaro estas kiel eble plej kompleta. Krom tradukoj de la vortoj, laŭ iliaj diversaj signifoj, la libro enhavas amason de esprimoj, plej lerte esperantigitaj. Kiel plej konscia Esperantisto kaj propagandisto, la aŭtoro kompilis tiun ĉi verkon laŭ la elementoj de la Fundamento kaj de la Universala vortaro kun aldonoj kaj laŭ la principoj kaj decidoj de la Akademio. Per aparta listo ĉe la fino li informas pri la ekzisto de la novaj vortoj, kiuj klopodos akiri civitanecon en Esperanto.